6a JARO. MAJO 1914. 7a N° (67)

# BELGA ESPERANTISTO


MONATA REVUO


*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

| Redakcia parto : | Administracia parto : |
|---|---|
| OSCAR VAN SCHOOR | FRANS SCHOOFS |

*Oni sendu ĉion, kio rilatas ĉu la Redakcion, ĉu la Administracion, al la adreso : Belga Esperantisto, Vondelstraat, 20, Antwerpen.*

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## BELGA KRONIKO

La feliĉaj popoloj ne havas historion, diras franca proverbo. Same, mi pensas, la feliĉaj, la bone sukcesontaj kongresoj. Mi preskaŭ neniun sciigon plu ricevis de la organizantoj de la Sesa Belga, kaj el tiu manko de novaĵoj mi konkludas, ke la preparaj laboroj de la Kongreso bone progresas. Tio cetere ne mirigas min, ĉar mi konas la agemecon de miaj amikoj VAN PETEGEM, VAN DE VELDE kaj de iliaj helpantoj.

Mi ankaŭ ricevis nek artikolon pri Mechelen, nek kliŝojn de la urbaj vidindaĵoj, n. t. p. (Ĉi tiu abreviacio signifas *nek tiel plu.*)

Tamen mi havas du bonajn novaĵojn el la kongresurbo :

La honora komitato estas definitive kunmetita, kaj konsistas el S-roj DESSAIN, urbestro, *honora prezidanto* ; WILLEMS, provinca inĝeniero, kaj D-ro ORTEGAT, deputato, *membroj*.

Unu el la ĉefaj libristoj de Mechelen aranĝos ekspozicion de esperantistaj libroj en sia butiko, kiu estas lokita en unu el la plej belaj strato de la urboj.

Aliflanke, en Antwerpen niaj geartistoj kaj amatoroj *con amore* studas kaj provripetas *Bietje* kaj *Hejma Paco*. S-ro MAURITS SABBE, aŭtoro de *Bietje*, promesis ĉeesti la prezentadon de sia verketo.

* * *

Responde al peto de pluraj samideanoj, jen la « personoj » de la tri ludotaj teatrajoj :

### HEJMA PACO

*Unuakta komedio de* GEORGES COURTELINE, *tradukita de* FRANS SCHOOFS.

TRIELO, literaturisto . . . . . S-ro A. VAN DE VELDE.
VALENTINO, lia edzino . . . . F-ino VERMEULEN.

## ANGLA LINGVO SEN PROFESORO

*Unuakta komedio de* Tristan Bernard, *tradukita de* Gaston Moch.

| | |
|---|---|
| La interpretisto . . . . . . | S-ro M. Sebruyns. |
| Hogson, bankiero . . . . . . . | » G. Vermandere. |
| Juliano Cicandel, oficisto . . . . . | » R. Verbeke. |
| Polica inspektoro . . . . . . . . | » E. Sneessaert. |
| Servisto . . . . . . . . . | » E. Fauconnier. |
| Betty, filino de Hogson . . . . . | F-ino A. Deloof. |
| La kasistino . . . . . . . . . | » E. Colyn. |

## BIETJE

*Unuakta teatraĵo de* Maurits Sabbe, *tradukita de* D-ro W. Van der Biest.

| | |
|---|---|
| Jean-Baptiste, notarioficisto . . | S-ro J. De Waegenaere, de la Popola Teatro de Antwerpen. |
| Monne, lia frato . , . . . . | S-ro A. Van de Velde. |
| Bietje, baptofilino de Jean Baptiste | F-ino Marguerite Bertrijn, de la Reĝa Nederlanda Teatro de Antwerpen. |

°°°

Kaj nun, karaj samideanoj, ĉiuj al la urbo de l'sonoriloj ! Ni denove ĉiuj interrenkontu nin, ni denove premu la manon de niaj esperantistaj amikoj de Belgujo kaj eĉ de aliaj landoj — ĉar multaj alilandanoj ĉeestos, — ni denove laboradu por la progresado, por la fina venko de nia kara Esperanto !

D-ro W. Van der Biest.

**ANTWERPEN.** — La 9an de Aprilo, *Suda Lumo* organizis en la *Teatro de l'Puŝe* (la marioneta teatro) prezentadon de la *Razisto de Sevilla* kaj de *La tri Forkurintoj*. Tiu prezentado pruvis, ke la principo « la enhavantaĵo devas ests pli granda, ol la enhavataĵo » (uf !) estas tute malvera, ĉar en loko, kiu povas enhavi 50 personojn, estis pli ol 500 (se almenaŭ mi bone kalkulis). La sukceso de la lignaj geartistoj estis grandega : ankaŭ tiu de l'artplene desegn ita kaj rimita programo.

La anoj de *Suda Lumo* estis irintaj procesie al la Teatro, je la sonoj de l'muzikludado de l'konata orkestrestro S-ro Strabulo. J an.

**BRUSSEL.** — Dank' al S-ro Piens, estro de l'Urba Informoficejo, ni sukcesis varbi la mastron de *Hôtel Impérial*, boulevard de la Senne ; tiu sinjoro eklernis Esperanton, kaj volonte ni rekomendas lian puran, komfortan kaj malkaran hotelon al ĉiuj samideanoj. M. M.

**GENT.** — La 3an de Aprilo, S-ro Petiau sukcesis malfermi Esperantan kurson por la geanoj de la Ruĝa-Kruco de Gent. Proksimume 25 gelernantoj ĉeestas tiun kurson kun la plej kontentiga akurateco. Ĉar la ĉeestantoj estas ĉiuj kleraj personoj, nia kara lingvo kalkulos baldaŭ novan aron da lertaj admirantoj kaj nia grupo fervorajn kaj agemajn gepropagandistojn. Tiun brilan rezulton ni grandparte ŝuldas al nia sindonema amiko S-ro Simonis, kiu faris senĉesan propagandon inter la Ruĝ-Krucanoj.

En la ekzameno pri profesora kapableco, kiu okazos en Gent la 3an de Majo, partoprenos dekdu geanoj de nia grupo. Jen fakto, kiu montras la laboremon de niaj agemaj Gent'aj gesamideanoj !

Lundon, la 13an de Aprilo, duan Paskan festotagon, piedira ekskurso okazis laŭlonge de la pentrindaj bordoj de la Leie. Kvardek geamikoj partoprenis en tiu bela promenado agrabligita de la plej bela printempa vetero. Sekve de tiu ekskurso, la partoprenintoj unuvoĉe decidis kunveni ĉiun dimanĉon por fari lernigan viziton al la multnombraj muzeoj, monumentoj, k. t. p., de nia urbo, kaj por kunigi la utilon al la agrablo, t. e. por fari propagandon, nur Esperanto estos parolata dum tiuj kunestoj. Jen imitinda ekzemplo ! Korus.

**LIÉGE.** — Ĉar la iama esperantista grupo fakte ne plu ekzistas, S-ro Mirski, 63, rue Robertson, entreprenis la fondon de nova grupo. Tiuj, kiuj volas aniĝi aŭ doni sian monan aŭ aktivan helpon al tiu grupo, estas petataj sin turni al S-ro Mirski. B. M.

# Belga Ligo Esperantista

## Projekto de protokolo pri la komitata kunveno okazinta en Bruselo la 22an de Marto 1914.

La kunsido estas malfermata je la 10a matene.

S-ro WITTERYCK, prezidanto, prezidas. Ĉeestas :

*Delegitoj de la ĝenerala kunveno :* S-roj BABILON, CHAMPY, PAROTTE kaj VAN SCHOOR ;

*Delegitoj de l' grupoj :* S-roj D-ro VAN DER BIEST kaj VAN DE VELDE (A.G. E.), JACOBS (S. L.), VERMANDEL (V. S.), F-ino POSENAER (L. B.), S-ro CLERBAUT (B. G.), S-ro WITTERYCK kaj F-ino LEDÈNE (B. G.), F-ino JENNEN (B. Fed.), S-roj HENRAUT (K. G. kaj E. G. L.), SEBRUYNS kaj PETIAU (G. G.), LEFLOT (L. S.). Senkulpiĝis : S-roj VAN ACKER (Caprycke), VAN DE PUTTE (Kortrijk), kaj VERBEKE (St-Denys-Westrem). Sume 20 delegitoj ĉeestas, reprezentantaj 30 voĉojn.

**1.** La Prezidanto faras funebran parolon pri Abato RICHARDSON, vicprezidinto de la *Ligo*. Li rememorigas, kiel grandanima homo estis la formortinto, kiel sincera kaj vigla esperantisto li estis.

**2.** La prezidanto sciigas, ke la grupoj de Kortrijk kaj de St-Denys petis sian aliĝon kaj sendis al li la informojn postulatajn de la regularo. Li diras, ke li esploris la regularon de tiuj grupoj, kiu neniel kontraŭstaras la Ligan regularon. La grupoj estas unuvoĉe akceptataj kiel aliĝintaj grupoj. — La Prezidanto sciigas, ke nova grupo estos ankaŭ starigita baldaŭ en Ledeberg, apud Gent. La delegitoj difinas lin por esplori la regularon de tiu grupo kaj akcepti la grupon, se neniо kontraŭstaros la Ligan regularon.

**3.** S-ro CHAMPY sciigas, ke li sendis al S-ro PETIAU la arĥivojn de la *Ligo*. La nova sekretario diras, ke li bone ricevis ilin, kaj dankas S-ron CHAMPY.

**4.** S-ro PETIAU atentigas la delegitojn pri la financa situacio de la *Ligo* Li faras kelkajn proponojn por plibonigi ĝin. Li rememorigas la bonegan monhavigilon *La Soldo por Esperanto*. Li bedaŭrinde konstatis, ke la grupoj ne sufiĉe atentas pri ĝi. Li faras varman alvokon al la sekretarioj kaj kasistoj de la grupoj, por ke ili prizorgu tiun bonan monrimedon, kiu certe donus tre kontentigan rezulton, se oni bone prizorgus ĝin.

Kiel monrimedon la sekretario proponas ankaŭ la varbadon de protektantaj membroj ; oni sin turnu al la industriistoj kaj gravaj komercistoj kaj al ĉiuj personoj, kiuj kapablas interesiĝi je Esperanto.

**5.** S-ro PETIAU proponas ankoraŭ kelkajn rimedojn por atentigi la aŭtoritatulojn kaj la publikon pri Esperanto kaj precipe por enkonduki nian lingvon en la lernejojn.

S-ro JACOBS sciigas, ke jam de du jaroj li klopodas por enkonduki Esperanton en la lernejojn. Laŭ lia opinio la plej bona rimedo estas varbi la geinstruistojn al nia afero, ĉar nur per ilia helpo nia lingvo povos eniri la lernejojn.

S-ro VERMANDEL konsilas malfermi kursojn la dimanĉojn en la lernejoj mem, por la geknaboj.

S-ro VAN SCHOOR diras, ke oni devas uzi ĉiun okazon por propagandi Esperanton kaj konigi niajn instituciojn. Li konsilas, ke oni atentigu la publikon pri la praktikeco, por la eksterlandaj pagoj, de la *Ĉekbanko Esperantista*.

S-ro PAROTTE konsilas,kiam oni ricevas esperantaĵojn, ĉiam elmontri ilin kaj rimarkigi, ke ili estas Esperante verkitaj, por ke la neesperantistoj sciu,ke Esperanto vivas.

**6**. S-ro CHAMPY proponas ke la komitatanoj elektitaj de la grupaj delegitoj ne povu sin anstataŭigi. Ĉar D-ro VAN DER BIEST timas, ke ofte la delegitoj ne estos sufiĉe nombraj por rajte voĉdoni, se tiuj anoj ne povos sin anstataŭigi, S-ro PAROTTE proponas, ke la membroj elektitaj de la grupaj delegitoj ne plus estu kalkulataj en la nombro de la voĉoj ; tiu propono estas unuvoĉe akceptata ; sekve la jena nova teksto de la artikolo 10a estos proponata dum la proksima ĝenerala kunveno : Art. 10a. La unua paragrafo ne sanĝiĝas. Dua paragrafo : *La komitato no povas voĉdoni nur, se almenaŭ la duono de la grupaj delegitoj ĉeestas la kunvenon.* La cetero restas nesanĝita, sed oni aldonas la jenan paragrafon : *La komitatanoj elektitaj de la grupaj delegitoj ne povas sin anstataŭigi.*

**7**. S-ro CHAMPY proponas aldoni al la art. 16a, nº 2, paragrafo 2, la jenajn substrekitajn vortojn : « Rajtas voĉdoni nur la belgaj esperantistoj, anoj de la Ligo, *kiuj estas almenaŭ dek-okjaraj* ». Sekve de rimarko de S-ro D-ro VAN DER BIEST, kiu diras, ke iuj grupaj estas kunmetitaj nur el junuloj, kaj ke ili ne plu povus aliĝi al la *Ligo*, oni decidas, ke la teksto de la regularo restos tia, kia ĝi estas.

**8**. Estas decidate, ke ekzamenoj pri profesora kaj pri simpla kapableco okazos en Gento dum la komenco de majo. D-ro VAN DER BIEST prizorgos la preparan laboron.

**9**. S-ro JACOBS informas la komitaton, ke la Organiza Komitato de la Sesa Belga Kongreso en Meĥleno normale funkciadas, kaj ke Antverpenaj samideanoj helpas ĝin. S-ro D-ro VAN DER BIEST diras, ke rilate al la festoj li antaŭvidas brilan sukceson. La Meĥlena urbestraro metis senpage la urban teatron je la dispono de la organizantoj.

La Prezidanto de la *Ligo* ĵus ricevis leteron de la urbestro de Meĥleno,kiu informas lin,ke li plezure ricevos oficiale la kongresanojn en la urbdomo.

S-ro VERMANDEL eldonis kongresajn glumarkojn kaj afiŝojn, kiuj estas alfiksitaj en la stacidomoj de Antverpeno, de Meĥleno kaj de Bruselo, kaj en la ĉefaj butikoj de Meĥleno.

**10.** S-ro WITTERYCK, prezidanto de la *Ligo*, estas difinita kiel delegito ĉe la Xa Internacia Kongreso en Parizo. Sro DELVAUX, vicprezidanto, anstataŭos lin en okazo de neebla ĉeesto.

**11.** F-ino JENNEN legas artikolon, kiu sciigas la celon de la Internacia Poŝta Kongreso kaj ĝian gravecon. Tiu artikolo aperos en *Belga Esperantisto*.

S-ro VERMANDEL konsilas, ke oni ĉiam skribu la vorton *Esperanto* sur la respondkuponoj, kiuj estas tre ofte uzataj de la esperantistoj.

**12.** S-ro VAN SCHOOR sciigas, ke okazos baldaŭ en Antverpeno ekspozicio pri *La nuntempa Virino en Belgujo*. F-ino ALICE VAN PELT, el Antverpeno (23, Ossenmarkt), kiu deziras reprezentigi Esperanton en tiu Ekspozicio, faras alvokon al la belgaj samideaninoj, por ke ili helpu ŝin, sendante al ŝi esperantaĵojn rilatantajn al la virinaj fakoj.

F-ino POSENAER demandas, ĉu ne estus eble uzi tiun okazon por disdoni propagandilojn. La Prezidanto promesas sin okupi pri tiu afero.

**13.** S-ro D-ro VAN DER BIEST proponas, ke, kiel okazis dum la kongresoj en Brugo kaj Charleroi, iu grava esperantisto faru paroladon pri la propagando de Esperanto ; ekzemple : *Kiamaniere konservi la membrojn en la grupoj kaj igi la kunvenojn interesaj*. La Prezidanto promesis fari alvokon al kelkaj eminentaj belgaj esperantistoj.

**14.** La Prezidanto sciigas, ke ekzistas Ligaj membrokartoj ; ili estas haveblaj en la Liga prezidantejo.

**15.** S-ro WITTERYCK bedaŭras, ke ne ekzistas sufiĉe da flandra- kaj franclingvaj propagandaj teatraĵoj. Li sciigas, ke li intencas organizi konkurson por flandraj kaj francaj teatraĵoj rilatantaj al la propagando de Esperanto. Tiu propono estas aplaŭde akceptata ; la kondiĉoj aperos en *Belga Esperantisto*.

La Prezidanto donacos 50 frankojn da premioj.

**16.** La Prezidanto plendas, ke oni ne sufiĉe sendas al li la ĵurnalojn, en kiuj aperis artikoloj pri Esperanto. Li petas la esperantistojn, ke ili bonvolu sendi ilin regule, ĉar tiuj ĵurnaloj estas tre utilaj por organizi Esperantan Ekspozicion.

**17.** S-ro CHAMPY estas elektata kiel vicprezidanto, sed li ne akceptas tiun oficon. Unu mandato de vicprezidanto restas do neokupata.

La kunveno disiĝas je la 1a. H. PETIAU.

La jena cirkelero estas sendita al ĉiuj belgaj grupoj:

*Gento, la 10an de Aprilo 1914.*

ESTIMATA SAMIDEAN(IN)O,

Ni havas la honoron sciigi al vi, ke la ekzamenoj pri simpla aŭ profesora kapableco okazos en *Gento, Dimanĉon, 3an de Majo 1914*.

Bonvolu konigi al nia sekretario, plej mafrue *la 20an de Aprilo* :

1e, la nomon kaj adreson de viaj gegrupanoj, kiuj intencas partopreni en tiuj ekzamenoj ;

2e, la lingvon, en kiu ili deziras esti demandataj (flandran aŭ francan) ;

3e, la ekzamenon, kiun ili deziras partopreni (simplan aŭ profesoran kapablecon).

*Kondiĉoj.* — La kandidat(in)oj devas esti almenaŭ dek-okjaraj. — La enskribo kostas kvin (5) frankojn. En okazo de malsukceso, la nova enskribo estas senpaga. — La kosto de la enskribo estas pagata en la loko mem de la ekzamenoj ; tiun lokon montros la kunvokilo.

Pri la *programo*, vidu en *Belga Esperantisto* (n° 54, Aprilo 1913, paĝo 131).

Esperante, ke multaj el viaj gegrupanoj partoprenos en tiuj ekzamenoj, ni prezentas al vi la esprimon de niaj plej sinceraj samideanaj sentoj.

En la nomo de la *Belga Ligo Esperantista*:

La Ĝenerala Sekretario, H. Petiau.

La Prezidanto, A. J. Witteryck.

La sekvanta cirkulero estas sendita al ĉiuj belgaj esperantistoj :

*Steenbrugge, la 30an de Aprilo 1914.*

ESTIMATA SAMIDEAN(IN)O,

Ni havas la honoron sciigi al vi, ke la *VIa Belga Kongreso de Esperanto* okazos ĉi tiun jaron en Meĥleno (Mechelen, Malines) dum la Pentekostaj festoj (31an de Majo-1an de Junio).

Ni faras varman alvokon al niaj gesamideanoj, por ke ili mult nombre ĉeestu nian VIan Kongreson, kies programo estas alloga, kaj kiu okazos en antikva, tre vidinda urbo. Sed kongreso estas ne nur agrabla, ĝi estas ankaŭ tre utila por la propagando de nia kara lingvo. Efektive, dum kongreso la esperantistoj havas la okazon interparoli kun samideanoj el ĉiuj lokoj de la lando kaj kun multe da eksterlandaj geamikoj, kaj, tiel, havi ideon pri la progreso de Esperanto kaj pri diversaj rimedoj, kiujn ĉiu povas profiti por la propagando en sia propra urbo.

Ni do esperas, ke ĉiuj niaj belgaj gesamideanoj kaj multaj eksterlandaj geamikoj ĉeestos la Meĥlenan kongreson, kaj tuj sendos sian aliĝon al S-ro Jan Van de Velde, 28, Geitenstraat (Rue de la Chèvre) en Meĥleno, sekretario de la Organiza Komitato.

En la nomo de la *Belga Ligo Esperantista* :

La Ĝenerala Sekretario, H. Petiau.

La Prezidanto, A.-J. Witteryck.

# PROGRAMO

DE LA

## VIa Belga Kongreso de Esperanto en Meĥleno

**(31an de Majo - 1an de Junio 1914)**

UNUA TAGO — DIMANĈO.

10 1/2a h. Kunveno en la « Hôtel de la Couronne », Statieplaats. 1, (Place de la Station), de kie oni iros *procesie* al la Urbdomo.
11a h. Oficiala akcepto farota de la Urbestraro en la Urbdomo.
11 1/2a h. Ĉiujara ĝenerala kunveno de la *Belga Ligo Esperantista*, en la granda Urba Festĉambrego, Frederik de Merodestraat, (Rue Frédéric de Mérode).
13a h. Fotografado de la kongresanoj en la ĝardeno de l' Muzikakademio.
13 1/2a h. Festeno en la restoracio « Hôtel de la Cour du Beffer », Befferstraat, (rue du Beffer), 22.
Post la festeno, fakaj kunsidoj, vizitado de la urbo.
20a h. Granda Esperanta Festo en la Urba Teatro : Prezentado de « Hejma Paco », « Angla Lingvo sen Profesoro » kaj « Bietje », kantoj, deklamoj, k. t. p.

DUA TAGO — LUNDO.

8 1/2a h. Kunveno de la kongresanoj en la stacidomo.
8.49 h. Forveturo per vagonaro al Willebroeck, kie oni vizitos la paperfabrikejon De Naeyer.
11 1/2a h. Promenado al Boom. (En okazo de malbona vetero, oni veturos vagonare).
Poste, akcepto farota de la Boom'aj samideanoj, kuna tagmanĝo.
Dum la antaŭvespero, reveturo al Meĥleno.
20a h. Sonorilarkoncerto de S-ro Denyn.

**TAGORDO**

de la ĝenerala ĉiujara kunveno de la *Belga Ligo Esperantista*.

1. Malferma parolado de la Prezidanto.
2. Raporto de la Ĝenerala Sekretario pri la esperantista movado.
(Ĉar la protokolo de la lasta kunveno aperis en B. E. (nº 56a, paĝo 179a) ĝi ne estos legata.)
3. Raporto de la Kasisto pri la financa stato.
4. Parolado de S-ro Van Drunen, profesoro ĉe la Universitato de Bruselo, pri la propagando de Esperanto.
5. Aprobo de la ŝanĝoj al la Regularo, proponitaj de la Komitato.
6. Eventualaj komunikajoj.

**LEGU ATENTE.** — La kongreskarto kostas 1 frankon ; ĝi rajtigas ĉeesti la vesperfeston, la ekskurson, k. t. p,

La prezo de la partopreno en la festmanĝo estas Fr.3.75, inkluz. duonbotelo da vino.

La Organiza Komitato sin okupas pri la loĝado ; la kongresanoj povas rezervigi al si ĉambron kun matenmanĝo, sendante Fr. 2.50, 3.00 aŭ 4.00, kune kun la mendo.

Kongresanoj kiuj sendos Fr.0.50, ricevos numeritan karton por la vesperfesto.

Ĉiujn komunikajojn, aliĝojn, monsendojn oni adresu al la Sekretario de la Organiza Komitato, S-ro Jan Van de Velde, 28, Geitenstraat (rue de la Chèvre), Meĥleno (Mechelen, Malines).

# EKSTERLANDA KRONIKO

**ANGLUJO.** — (1) S-ro J. POLLEN deklaris en parolado, kiun li faris en la *Swiss Institute* en London, ke oni eltrovis, ke ĉiuj bestoj, krom la homoj, posedas komunan lingvon. La bovinoj povas interparoli kun aliaj bovinoj, azenoj kun azenoj, simioj kun simioj, egale el kiu kaj en kiu lando.

Li diris, ke D ro ZAMENHOF, aŭtoro de Esperanto, ebligis la homojn fari same, kaj li pensis, ke estas nepre tempo, ke la instruistoj ekkonu la staton de Esperanto kaj lernu tiun helplingvon.

— (2) Inter la anoj de la Instituto de la Inĝenieroj okazis granda kunveno, en kiu estis permesite paroli pri Esperanto. Oni parolis pri la granda utilo de Esperanto inter ĉiulandaj inĝenieroj. Multaj el niaj konataj esperantistoj parolis; inter ili S-roj MOSCHELES kaj MUDIE, kaj F-ino LAWRENCE. S-ro SHENTON, kiu prezidis, parolis simpatie pri Esperanto.

**FRANCUJO.** — Kiel la pasintan jaron en Bern, okazos, dum la Deka, Oratora Konkurso; ĉiuj kongresanoj povos ĝin ĉeesti kaj, kun aprobo de la juĝantaro, ĝin partopreni.

La *Esperantista Laborista Franca Unuiĝo* organizas specialan kongreson, kun la ĉefa celo krei interrilatojn inter la laboristaj grupoj ekzistantaj ĉiulande.

Dank' al klopodoj faritaj de S-roj Generalo SEBERT kaj NOBLEMAIRE, la Francujaj fervojaj kompanioj konsentas 50 °/₀ da rabato sur la francaj fervojoj.

La Francuja dogana administracio verŝajne konsentos la senimpostecon de la bicikletoj de l'kongresanoj ĉe la landlimoj.

— (3) S-ro Prof-ro CH. RICHET, membro de Scienca kaj Medicina Akademioj, kiu ĉi tiun jaron ricevis la Nobelpremion, verkis altspiritan filozofian tragedion, *La Morto de Sokrato*. Li bonvolis speciale permesi, ke oni ludu ties kvaran akton ĉe la Deka Kongreso. Do, krom *Georgo Dandin* la programo de la teatraj festoj enhavos la 4an akton de la *Morto de Sokrato*, kies ĉefrolo estos ludata en Esperanto de la sama aktoro, kiu ludis ĝin ĉe la unua prezentada.

Rilate al la hoteloj, la aranĝoj estas definitive faritaj kun la firmoj COOK por Britujo kaj JUNOT por ĉiuj aliaj landoj. Kompreneble la kongresanoj estas tute liberaj ne uzi la servojn de tiuj firmoj kaj aranĝi mem la restadon en Parizo. Koncerne la firmon JUNOT, jen kelkaj el la aranĝoj:

Oni ne promesas aranĝi la gastigon de kongresano, kies loĝpeto alvenos post la 15a de Julio. Ĉiuj kongresanaj hoteloj estos vizititaj kaj kontrolitaj de la Komitato; ili dividiĝos en sep klasojn; jen specimeno de la prezoj: Kl. A. ĉambroj po 1 unupersona lito, fr. 6 po 1 dupersona lito, fr. 10; frumanĝo, fr. 1,.0; C. respektive fr. 4, 6 50 kaj 1,25; E. fr. 3, 5 kaj 1; G. fr. 2, 3.50 kaj 0,75. La mono estas sendota al la Kamitato; la kongresano ekscios, ok tagojn post la ricevo de lia mendo, la lin gastigontan hotelon.

Ni publikigis la suprajn informojn nur por informi la kongresanojn pri la hotelaranĝoj kaj ebligi ke, per la supraj tre malaltaj tarifoj, ili ekpripensu la demandon. Ĉiu kongresano ricevos en la oportuna tempo specialan mendilon, kiun li plenigos laŭ sia deziro al lukso aŭ spartaneco. Antaŭ la ricevo de tiuj mendiloj oni direktu nek al firmo JUNOT nek al tiu Komitato ian ajn mendon.

**ĤINUJO.** — (4) Dum la lasta somero, kiam la Naŭa Kongreso okazis en Bern, la ĥina esperantistaro pro freneza ŝakala atako en sia lando, ne sendis eĉ telegramon al la Kongreso. De tiam, post dumonata dormeto, ni repurigitaj pene laboras por reakiri la antaŭan bonstaton. Nun la dua jaro de la Centra

---

(1) Laŭ *British Esperantist*.
(2) El letero de F-ino ŜEFER.
(3) El *Esperanto*.
(4) Komunikaĵo de S-ro ŜAN.

Oficejo de *Ĥina Esperantista Asocio* finiĝas, kaj mi montras kelkajn ciferojn al la tutmonda kunbatalantaro :

| | 1912 | 1913 |
|---|---|---|
| Komunikaĵoj ricevitaj . . . . . . | 2.411 | 5.039 |
| » forsenditaj . . . . . . | 3.192 | 6.113 |
| Vizitantoj al C. O. . . . . . . . | 105 | 359 |
| Regionaj oficejoj . . . . . . | 17 | 28 |
| Membroj . . . . . . . . | 396 | 919 |
| Aprobantaj membroj . . . . . | 151 | 323 |
| Korespondoj kursoj venditaj . . . . | 1.230 | 2.640 |

La ĉi supra statistiko estas nur rilate al C. O. El aliaj urboj aŭ regionoj, pro la milito, mi ne havas fidindan statistikon. La ciferoj montras, ke nia movado tre bone progresas en Ĥinujo. INTERIM.

# LA SERVISTINOJ

## NUNTEMPA MONOLOGO POR SINJORINO

Mi estas kolera, mi estas kolerega !

Mia servistino, kiu jam du monatojn estis ĉe mi, subite forlasis min. La pasintan dimanĉon, je la dek-dua, mi iris en la kuirejon, por vidi, ĉu la tagmanĝo estas preskaŭ preta. Kaj vidu : mia servistino ĝuste prenis piedbanon. Tute malkontenta, mi diris al ŝi, ke la dek-dua de dimanĉo ne estas horo por preni piedbanon. Kolerigita pro mia rimarko, ŝi respondis, ke ŝi devas lavi la piedojn, tial ke posttagmeze ŝi intencas fotografiigi sin. Kaj, ĉar mi ne estis kontenta pri ŝia agado, sekiginte siajn piedojn, ŝi supreniris al sia ĉambreto, kunigis siajn vestaĵojn, kaj, vokinte veturigiston, ŝi metis ĉion en la veturilon kaj tutkolere si forlasis nian domon.

Kiam mia edzo hejme realvenis, tute nervplene mi rakontis al li la okazintaĵon. Kaj li, ĉiam bona, konsolis min kaj diris : « Ne ploru, karulino, estas ankoraŭ aliaj servistinoj. Morgaŭ mi presigos anoncon en la jurnalo, kaj postmorgaŭ vi ricevos la viziton de tiom da servistinoj, ke neniam vi estos vidinta tiel grandan nombron. » — Kaj efektive, la postmorgaŭan tagon, mi apenaŭ vekiĝis, je la sesa matene, kaj jen la pordsonorileto vokis min. Malferminte la pordon, mi vidis dudekjaran junulinon, dirantan al mi, ke ŝi legis la anoncon en la jurnalo kaj ke ŝi venas por aŭskulti miajn kondiĉojn.

— « Knabino, » mi diris, « ĉe ni vi havos bonegan servlokon. Ni estas nur duope, mia edzo kaj mi. Oni ne lavas en la domo ; vi povos promeni ĉiudimanĉe post la tagmanĝo, ĝis la deka vespere. Vi ne devas tre multe labori ĉe ni, ĉar ni havas nek infanojn, nek hundojn, nek katojn...

— «Mi dankas vin, Sinjorino, ŝi respondis, sed mi ne volas tian servon ; nek infanoj, nek hundoj, nek katoj ; ne, ne, estos ĉiam mi la kaŭzo de ĉiu malbona aŭ malfeliĉa okazintaĵo. Ne, sinjorino, mi dankas vin ! » — Kaj salutante min, ŝi foriris.

Post duono da horo, nova sonorilvoko. Nun bela fraŭlino sin prezentis. Ŝi estis kapvestita per grandega lastmoda ĉapelo, kaj diris, ke ŝi forlasis sian lastan servon, tial ke la sinjorino estis tre malĝentila kun ŝi kaj male la sinjoro treege ĝentila. Mi preskaŭ interkonsentis kun ŝi, por monata salajro de kvardek frankoj, kaj antaŭ foriri, returninte sin, ŝi demandis :

— « Sinjorino, ĉu vi havas tie ĉi fortepianon ? »

— « Kial ? » mi respondis.

— « Ho, sinjorino, tial ke mi devas ĉiutage ripeti miajn ekzercajojn, dum tri horoj : mi estas unua premiulino de la konservatorio. »

— « Ne, fraŭlino,» mi respondis, « mi bezonas servistinon nur por labori, ne por ludi fortepianon. Vi povos ludi aliloke, se vi volas, sed ne ĉe mi. Adiaŭ. »

Kaj tiel, unu post la alia, en unu tago, mi parolis kun naŭdek-sep kandidatinoj,kiuj deziris okupi la liberan servon. Fine, la naŭdek-oka plaĉis al mi, tial ke ŝi estis tiel simpla kaj bona ; ŝi venis de la kamparo kaj neniam en la urbo servadis ; kaj ŝi postulis nur tridek-kvin frankojn ĉiumonate. Ni do interkonsentis, kaj du tagojn poste ŝi venis en nian hejmon.

La unuan tagon mi alvojaĝis Bruselon kun mia edzo, kaj kiam ni revenis je la noktmezo, nia servistino, dormante, atendis nin en la kuirejo. — « Tio estas bona signo, mi diris al mia edzo ; tio pruvas certe, ke ŝi estas sindonema ; ŝajnas al mi, ke ŝi estas bona knabino kaj ke ŝi restos ĉe ni dum longa tempo. »

Ĉar ŝi rakontis al mi, ke ŝi bonege povas kuiri la manĝajojn, mi petis ŝin, ke ŝi preparu la tagmanĝon.Vidinte en la kelo, ke ni ne havas plu terpomojn, mi diris al ŝi : « Mario, ni ne havas plu terpomojn por tiu ĉi tagmezo ; iru al la vendejo kaj aĉetu dek kilogramojn da terpomoj ; aĉetu la plej bonajn, kiujn vi povos trovi. » Kaj dum ŝi iris al la vendejo, mi foriris, por viziti mian malsanetan onklinon.

Kiam mia edzo kaj mi, tagmeze, hejme realvenis, estis ĝuste tempo por tagmanĝi ; tuj kiam ni sidis je la tablo, ni vidis la servistinon alvenantan kun grandega kaserolo. Scivolaj ni demandis : « Mario,kion vi alportas nun en tiu granda kaserolo? » — Kaj tutnaive ŝi respondis : « Sinjorino, mi alportas la dek kilogramojn da terpomoj, kiujn vi igis min kuiri. » Kaj nun vi ! Dek kilogramoj da terpomoj, por du personoj !

Posttagmeze mi ricevis la viziton de mia malsaneta onklino, ĉar la vetero estinte iom bona, la doktoro permesis al ŝi fari malgrandan promenadon. Sed la malfeliĉa onklino ne povis trinki kafon, bieron,nek vinon, kaj tial petis glason da akvo.

— « Mario, » mi kriis, « alportu glason da freŝa akvo por mia onklino. » — Post unu momento ŝi revenis portante per la du manoj glason tute plenan de akvo.

— « Reiru en la kuirejon, » mi diris, « glason da akvo oni servas sur telero. » — Kaj obeinte, ŝi post du minutoj revenis, alportante teleron plenan de akvo.

— « Malspritulino, » diris mia edzo, « kiamaniere la sinjorino povos eltrinki tiun akvon ? » — « Tion ankaŭ mi jam demandis al mi mem, » respondis Mario, « sed ĉar la Mastrino ordonis, mi faris, kiel ŝi volis. »

Parolante pri unu kaj alia afero kun mia onklino, mi rakontis al ŝi la historion de la dek kilogramoj da terpomoj. Kaj mia onklino, tute ne miregita, diris al mi : « Ho, tio ne estas tiel amuza, kiel la historio de mia nova servistino. La unuan tagon, antaŭ oltagmanĝi, pretigante la tablon, mi ne trovis plu unu granon da salo en la salujo. Stefanio, mi diris, iru, kuru al la butiko kaj aĉetu du kilogramojn da salo ; ĉar ni ne havas plu salon por meti en la supon. Kaj kiam la supo estis alportata ni ne povis manĝi ĝin : Stefanio ŝutis la du kilogramojn da salo en la supon ! »

La postan tagon mi do decidis prepari mem la tagmanĝon : Mario devis nur fari la aliajn laborojn. Sed ankaŭ tiuokaze mi spertis, ke ŝi neniom valoras por servadi ĉe ni. La postan tagon mi ordonis ŝin purigi la ĉambrojn kaj la salonon, kaj, kiam ŝi dum kvarono da horo estis laborinta, mi subite aŭdis grandan bruegon. Mi kuris al la ŝtuparo kaj meze de la ŝtuparo mi vidis la servistinon trankvile marĉantan, kun grandega japana vazo sub la brako. Sur la ŝtupoj mi vidis, kun granda malĝojo, la pecojn de la alia rompita porcelana vazo. Malbenado! tiuj du vazoj, kiujn mia onklo alportis por mi el Japanujo, kostis du mil frankojn ! Kaj nun unu estis rompita; la duo ne plus estis tuta! – Tute furioze mi ekkriis:

— « Malsprita besto, kiel vi rompis tiun multekostan vazon ? Kaj elstreĉante la brakon sub kiu ŝi tenis la alian vazon, si faligis la duan vazon, kiu kun granda bruego disrompiĝis sur la ŝtuparo.

Kaj tutnaive ŝi respondis : « Tiel mi rompis la unuan ankaŭ, Sinjorino. »

Kompreneble mi ĵetis tiun mallertulinon eksteren.

Kaj ĉar mi ne intencas plu meti anoncon en la ĵurnalon, sed tamen bezonas iun por helpi nin en la hejmaj laboroj, mi demandas vin ĉiujn, karaj gesinjoroj, ĉu vi ne konas bonan servistinon por mi ? O. VAN SCHOOR.

---

## La virino, kiu amasigis sekan lignon

Mi sidis sur benko en la ĉirkaŭaĵoj de Haarlem. Tie, en la malproksimeco, malfacile marŝis maljuna virino. Ŝi je ĉiu paŝo kurbiĝis, kaj relevis ion kaj kolektis ion en sia antaŭtuko. Ha, estis seka ligno, kiun ŝi serĉis... Kia malriĉeco, mi pensis. Kaj mi kalkulis, ke baldaŭ ŝi venos apud la benkon, sur kiu mi sidas. Kaj

mi terenjetis moneron, por ke ŝi ĝin trovu. Kaj mi ĝojis je ĉiu paŝo, kiun ŝi alproksimiĝis, pri la donaco kum mi de la Hazardo volis donigi al ŝi.

Sed virinoj, kiuj amasas sekan lignon, kaj kometoj estas du malsamaj aferoj. Tiu kometo faris alian vojon ol tiun, kiun mi supozis, kaj mi timis...

— Virineto !— Nu ? — Vi tiel fervore serĉas... Mi kredas, ĉi tie kuŝas io...

Ŝi ne venis, sed daŭrigis amasi, kompreneble. Ŝi serĉas lignon kaj branĉojn sub la arboj, kaj tio, kion mi volis indiki al ŝi, kuŝis sur la piedvojo. Tio ne estas ligno, ŝi certe pensis. Eble ŝi kredis, ke mi ŝin mokas. — Vere, vere, virineto mia, venu ĉi tien. Mi efektive kredas, ke tie kuŝas io... jes... ŝajnas al mi, ke estas monero. — Nu, se vi tion pensus, vi mem certe estus relevinta ĝin !

Tiam mi prenis le moneron, alportis ĝin al ŝi kaj malĝojis, tial ke tiu maljuna virino estis renkontinta tiel malmultajn bonajn homojn dum sia longa vivado.

*Tradukis* M. KLINGELHOETS. MULTATULI.

---

# MEMMORTIGO

*Manuskripto trovita sur la strato.*

Vere, la sorto min ne malbonigis ; neniel mi povas diri, ke ĝi forpuŝis min pli malamike, ol iun ajn alian. Estas malĝojige, perdi sepjara sian patron ; estas malĝojige, havi patrinon en la frenezulejo. Sur tio bazas sin la tuta ruiniĝo de mia vivo. Sed aliflanke estas tute agrable kaj bone, havi sufiĉe da mono, por ke oni ne bezonu labori, kaj sufiĉe da libereco, por iri kiam kaj kien oni deziras...Ŝajnas al mi, kvazaŭ mi neniam estus lerninta labori, gajni monon. Mi estas tre inteligenta ; mi tion almenaŭ pensas, ĉar mi ĉiam komprenis tuj tion, kion mi aŭdis rakonti kaj klarigi en mia ĉirkaŭaĵo ; ĉe aliaj mi ankaŭ tuj rimarkas erarajn juĝojn kaj ne sufiĉe da kapablo por kombini.Sed neniam mi estis kapabla atingi iun daŭran intelektan opinion pri afero, profundigi, detaligi iam scion en tio ĉi aŭ io alia, aŭ eĉ ellerni iun arton.Por ĉio ĉi tio mi estas nekredeble apatia ; jam dum mia infanaĝo kaj poste en la gimnazio, la fervoro kaj diligenteco de miaj kunlernintoj ŝajnis al mi kvazaŭ io ridinda, malsaĝa... Ĉiam ili min superis ĉe la premiado ; tamen mi konsideris ilin pli malspritaj, multe pli malspritaj, ol mi mem estis, kaj ĉe konvena okazo mi tion ankaŭ montris al ili.

Ĉar mia patro postlasis al mi jaran renton de dek-kvar mil frankoj, mi estas tute senzorga pri vivrimedoj kaj mi ne bezonas labori. Estas ĉarme, kiam oni povas esti ne agema en la mezo de

la ridinda ĉasado de siaj kunvivantoj ; la rento tute sufiĉis al mi por mia vivado kaj tio,ĝis ĉirkaŭ la mezo de mia dudek-kvina jaro. Matene mi vekiĝis ĉiam pensante : « Denove tago, kiun mi povas pasigi tute laŭplaĉe ! Dum ĉiu ĉirkaŭ mi rapidas kaj penas, mi estas ĝojega, mi ne laboras, aliaj laboru por mi ! » Kaj mi pasigis tiun tagon, pruvante al mi la senutilecon, entrepreni aferojn tute sencele, vojaĝi tien, kie neniu konas min ; mi amuziĝis pri la laboro de la aliaj kaj travivis multajn horojn, observante homojn, kiuj trenis ŝipojn laŭlonge de la Seine (*). Rigardante ilin, pligrandiĝis mia neagemeco en grandega ĝojo kaj plezuro...

Iun tagon — estis la 3a de Majo 1890, mi precize rememoras la daton — vekiĝinte el mallonga posttagmeza dormeto, mi sentis, kvazaŭ io en mia internaĵo disrompiĝus, ruiniĝus ; eble la jam pligrandigita forto, kiu movis kaj puŝetis min inter la homojn. Naŭzo, intensa naŭzo trakuris min pro tio, ke mi tiel malmulte, tute neniom moviĝis, pro la forto en mia vivo, kiu vidiĝis efektive nur en tio, ke mi vivas. Mi ŝajnis al mi treege mokinda, tiel senfine kompatinda, kiel ĉiuj homaj formikoj, kies penado ankoraŭ hieraŭ vekis mian kompaton kaj ridon. Manĝi, dormi, promeni, vestiĝi kaj senvestiĝi, dungi veturilon, aĉeti kaj pagi por diversaj aĵoj — kia diferenco entute estas inter tiu ĉi mia ĉiutaga okupado kaj la profesio de iu ajn kancelaristo, kiu deskribas de la manuskripto sur puran paperon, aŭ okupo de la ŝipisto, kiu penegas sur la Seine ?...

Naŭzo ektuŝis min dum la penso pri tia vivado, kvazaŭ oni estus surĵetinta min per la malseka morta vesto. En tiu ĉi momento mi deziris, ke proksimiĝu tuta ruiniĝo de ĉio, nepra haltiĝo de mia homa maŝino : la morto ! Ekkoninte en mi la sopiron al la morto, mi sentis grandan kvietiĝon. La unuan fojon mi ion deziris, kaj tiu ĉi antagonismo kontraŭ mia tuta estado kaŭzis al mi ravon, kvazaŭ elvoko al duelo kun la morto. Ŝajnis al mi, ke mi fine ĝin malkovris,mian veran destinon: mortigi min, haltigi la pendolon de la homa horloĝo, moviĝantan en mi. Kaj senŝancele mi ekpripensis, kiamaniere mi mortigos min.

La ordinarajn metodojn de la ĉiutagaj memmortigoj mi unue pripensis. Dum nia tempo oni mortigas sin per karba gaso, per la revolvero, aŭ per la desalto de la ponto en la akvon. Estas ankaŭ kelkaj, kiuj sin kuŝigas sur la relon, atendante, ke la vagonaro ilin dispecigos kaj frakasos. Sed ĉiujn tiujn rimedojn mi konsideris barbaraj kaj abomenaj. Unue necesaj estas eksteraj rimedoj, kiuj naŭzigas min : kaj poste ili ne estas nepre certaj. La societo estas kontraŭ la memmortigo, kontraŭ la neagemeco, kontraŭ ĉio, kion mi amas. Mi bezonas la morton, kontraŭ tiu la societo estas nepre malforta. Kaj ankaŭ tian morton, per kiu mi ne suferas. Morto ne allogas, sed doloro forpuŝas : doloro ribeligas, koleriĝas, kontraŭe la morto estas ĝia preciza malo, la absoluta kvieto. Ne, mi ne volas havi dolorojn.

(*) Seine : riverego fluanta tra Parizo.

Nu, ĉu vi tion kredus? Ŝajnas, ke la scienco progresis, precipe la scienco esploranta la homan korpon kaj ĝiajn rilatojn kun la organaj kaj neorganaj substancoj; kaj la medicino ne eltrovis ĝis nun rimedon, per kiu homo povus sin mortigi, fakte praktikan rimedon, almenaŭ tute certan, sendoloran, kaj kiun mi precipe deziras, tian rimedon, kiu permesas, uzante ĝin, la tutan konscion, ke oni mortas. Mi pri tio jam demandis multajn, tre famajn kuracistojn. Mi prezentis min al ili, kiel verkisto, aŭtoro, bezonanta por sia romano originalan solvon. Finfine ĉiuj interkonsentis: ili konsilis al mi, ke mi mortigu mian heroon per narkotaj rimedoj, morfino, antipirino uzotaj pogrande, aŭ per ebrigaj medikamentoj, ekzemple azotika oksido. Sed kiam mi demandis ilin, ĉu ĉiu aparta homa organismo senescepte estus tiamaniere mortigita, ili diris al mi, ke almenaŭ grandparte la malsanulo mortos pro cerba kadukeco kaŭzita per la uzo de grandaj kvantoj de la ĥemiaj preparatoj; ĉiuj kuracistoj estas azenoj: Makbeto estis prava, volanta jeti la medikamentojn al la hundoj!

* *
*

Ne trovante pli bonajn rimedojn, mi haltis en mia elekto ĉe la azotika oksido. Mi ŝajnigis min dentisto kaj tiamaniere mi sukcesis havigi al mi la gason. Iu juna medicinisto konsentis skribi du receptojn pro mona kompenso. Mi havis treege agrablan senton, ian vivefreŝan klarecon, kiu akrigis la atendon de io ajn ĉarma, nekonata. Mi decidis uzi tiun ĉi rimedon; nenio estis ja pli facila: ŝidiĝi trankvila sur seĝon kaj malfermi la kranon, kiun oni atingus per la mano. Preparinte ĉion, mi fiksis la daton de mia morto je la 21a de Septembro, je la unua nokte. La tagojn, kiuj ankoraŭ restis al mi, mi travivis, observante per trankvila okulo tiun ĉi mallaŭdindan vivon, kiun mi memvole decidis forlasi. Mi ankaŭ vizitis kelkajn el miaj amikoj, kiuj penis plej malmulte tedi min. Fine, la tagon antaŭ mia memmortigo mi iris denove en la frenezulejon, por vidi kaj ĉirkaŭpremi mian panjon.

Dum du jaroj mi ŝin ne vidis Mi tre ĝojis, ĉar ĉiuj signoj de la memoro perdiĝis el ŝia cerbo. Ŝi min eĉ ne rekonis; mi vidis idiotulineton, sidantan sur seĝo kaj ludantan per boteleto, en kiu tintis ŝtonetoj. Eĉ nenia socia kateno ligis min kun tiu idiotulino; jam ne estis videbla eĉ la plej malgranda simileco de ŝi kun la belega virino, kiun ŝi iam estis, kaj kies vizaĝo, okuloj kaj voĉo vivis en la fundo de mia memoro.

Antaŭ ol mi foriris el la frenezulinstituto, la kuracisto, kiu min gvidis, proponis al mi, montri al mi ĉiujn loĝantojn kaj ĉiujn internajn instalaĵojn. Mi akceptis. Mi ne timas malsaĝulojn, ĉar mi havas tre fortajn nervojn Li montris al mi du furiozulojn alligitajn al siaj tabloj, enfermitajn en mallarĝaj, malvastaj ejoj,

kaj kiuj brukriis kiel bestoj. Li montris al mi spiritmalsanulojn, kiuj venis al mi kaj pinĉis miajn baskojn, freneze ridante. Mi iris duonon da horo tra la korto, kie libere povas sin movi la malpli danĝeraj malsanuloj, monomaniuloj kaj melankoliuloj. Preskaŭ ĉiuj alparolis la kuraciston, eĉ min ; kaj preskaŭ ĉiuj parolis pri mono, pri grandaj sumoj, kiujn ili prezentis aŭ ricevis. Nur du el ili ploris, ĉar oni ne volas lasi ilin liberaj. Precipe unu virino atentigis mian intereson.

Ŝi estis ĉirkaŭ 40jara, ankoraŭ sufiĉe bela. Kurbiĝinte en angulo de la korto, ŝi tenis en unu mano horloĝon kaj en la alia malgrandan poŝospegulon. Ŝi alterne rigardis la spegulon kaj la horloĝon. Ŝiaj lipoj seninterrompe ion babilis ; ŝajnis, ke ŝi ion kalkulis, adiciis kelkajn ciferojn.

Mi turnis min kun demando al mia gvidanto.

— Ŝi freneziĝis pro amo, li diris al mi. Ŝia aminto,tedita de ŝi, iun tagon forlasis ŝin kaj amindumis alian, pli junan. Kaj tiu ĉi ideo, ke ŝi estas maljuna kaj ĉiam pli maljuniĝas, okupis ŝian tutan cerbon. Kelkfoje ŝajnas al ŝi, kvazaŭ ŝi vidas grandan nigran malfermaĵon, kaj ŝi kuras al ĝi, kaj ne povas halti : kaj tiam venas ĉiam terura krizo. Poste, kvietiĝante, ŝi kalkulas horojn kaj minutojn, kaj sekvas en la spegulo ĉiun paŝon, kiun la preterpasinta tempo gravuris en ŝian vizaĝon.

Tie mi interrompis la kuraciston.

— Mi dankas vin, doktoro, mi diris al li. Ĉio,kion vi montris al mi, estas tre stranga. Adiaŭ !

Subite mi foriris de li ; rapide mi eliris el la korto. Li prave povis pensi pri mi, ke mi ankaŭ estas tia frenezulo, kiel ĉiuj aliaj tie ĉi. Sed vere : mi plej multe bezonis trankvilon, por ke mi povu konsideri kaj esplori la ideon, kiu subite ekkaptis min, vidinte la 40jaran virinon, kiu persekutis la flugantan tempon en sia vizaĝo.

Granda nigra malfermaĵo, al kiu oni kuris kaj ne povis reteni sin... ! Ĉiu paŝo, ĉiu sekundo de forrapidanta tempo engravuras sin en ŝiajn trajtojn ! Tiu ĉi freneza virino estas prava ! ! Ĉiu minuto, vere tute logike ŝanĝas ion en nia « Mi », ĉar nia organismo proksimiĝas ĉiam pli kaj pli al la fina morto. Ĉiu minuto estas mira haltado sur la vojo, kiu direktas al la granda nigra malfermaĵo : la morto ! La plej granda parto de la homaj estaĵoj, kiuj estas malsaĝaj kaj nekleraj, ne rimarkas tiun konstantan ŝanĝon, tiun ruiniĝon en nenion, kiu paŝadas antaŭen sen kontraŭstaro kaj senhalte. Sed inteligenta homo — ekzemple mi — ĉiam tion pripensanta, polarizus sian animon, kiel diris strange kaj vere la kuracisto, kio estas tiel certa kaj nediskutebla, tiamaniere ke ĝi fine atingus la gradon de perfekteco, senti la ĉiaman seninterrompan kuradon de ŝipo aŭ vagonaro...? Kaj se mi atingus la gradon de perfekteco, ĉu ne estas infinitesimala tia rigore direktata morto la plej certa, plej longedaŭra kaj plej agrabla maniero de memmortigo ?

Mi malakceptis la azotikan oksidon kaj mi pensis sentigi al mi per ĉiuj fortoj la ĉiam pli proksimiĝantan morton en la ezofogo.

Ho! Longe mi estis nur kruda neofito: mi ne povis esplori la rapidecon de la tempo, la uzon de ĉiam pli kaj pli granda agado de la cerbo; kelkafoje eĉ okazis longedaŭraj intervaloj, dum kiuj ŝajnis al mi, ke mi sentus, kvazaŭ novnaskiĝo de la organa agemeco kaj kreskantajn fortojn kaj la deziron, vivi.

Sed mi ne cedis. Mi envolvis min per ĉio, kio nur iomete mezuris aŭ almenaŭ simbolis la rapidegon de sekundoj. Mi elserĉis ĉion, kio kulpigis kaj atestis kontraŭ la malŝatinda homa gento de la dekadenco. Denove mi iris en la frenezulinon, kie loĝas mia patrino; mi interbabilis kun la 40jara enamiĝintino, kiun oni nomas freneza, kaj kiun mi rigardas kun tia estimo, kiel la Hindoj siajn sanktulojn kaj dervîŝojn. Ŝi rakontis al mi pri sia malbona sentemeco; sed unue ŝi estas nur sensignifa lernantino kompare kun mi, ĉar la morton, kiun ŝi timas, mi amas, eĉ diigas. Ne estas la plej malgranda parteto de unu sekundo, kiun mi ne estus sentinta forkuri. Mi ne sentas, eĉ per mikroskopo en mia konscio la plej malgrandan parton, kiun engravuras minuto en miajn trajtojn, eĉ la plej etan makulon, la plej malgrandan spiron, kiun la tempo faras al mia koro, hepato, pulmo...

Mia korpo estas granda sablohorloĝo, laŭ kiu mi observas kun absoluta precizeco la defalon de malgrandaj sableroj.

Oni parolu pri la malsaĝaj memmortiguloj de la granda Imperio, pri malfermado de l'arterioj en la bano, pri injekcio de dormigaj, venenaj fluidaĵoj en la vejnojn, kaj similaj aferoj!

La bano, en kiu mi subakviĝas, estas la morto mem, kiu po malgrandaj gutoj anstataŭas en mi la forkurantan vivon.... Mi estas pli granda filozofo, ol Leibnitz mem, pli granda eltrovinto, ol Newton. Mi eltrovis la plej bonan manieron de memmortigo: la vivon!

*Tradukis* KAMILLA FÜRTH. MARCEL PRÉVOST.

---

# La heredaĵo de Wiezeken Bakvisch

## Originala rakonto

Estis bela vespero de Novembro, dum la jaro 1878. Mia patrino sidis kun mi, malgranda knabeto, apud la tablo de nia hejmĉambro kaj rakontis al mi historietojn pri Sankta Nikolao, kiu alportos, post kelkaj tagoj, bongustajn kukojn kaj belajn ludilojn por la bonaj infanoj, kaj vergofrapilojn kaj azenorelojn por la malbonuloj. Kaj tre interesite mi aŭskultis...

Subite la hejma sonorileto tremis kaj laŭte sonoris. Timeme mi premis min kontraŭ mia patrino, kiu sin levis kaj iris ĉe la

pordon por malfermi ĝin. La pordfermilo turniĝis kaj tra la malfermita pordo viro kaj virino eniris la vestiblon.

— Bonan tagon, Sinjorino, ili diris.

— Bonan tagon, Jef kaj Wiezeken, respondis mia patrino.

— Ĉu Sinjoro Louis estas hejme? diris Wiezeken.

— Ne, Wiezeken, li estos ĉi tie nur post duonhoro. Ĉu vi volas iom atendi lin?

— Jes, Sinjorino, se tio ne ĝenos vin.

— Tute ne, Wiezeken, sidiĝu ambaŭ tie ĉi en la malgranda atendoĉambro.

La geedzoj eniris la atendejon kaj eksidis. Ambaŭ estis vestitaj per siaj dimanĉaj vestaĵoj : la viro per sia alta silka ĉapo kaj helblua kitelo, kaj la virino per la nigra drapa mantelo, kiu en tiu tempo estis la kutima festvestaĵo de la laboristinoj.

Iomete timema pro la nekutima vidaĵo de tiuj du personoj, kaj ĉar mi unue kredis, ke Sankta Nikolao mem sonorigis nian pordsonorilon por peti informojn pri mia konduto, mi alrigardis mian patrinon kaj mi demandis al ŝi, kiuj estas tiuj du personoj.

— Ho, knabo, estas mia malnova servistino, Wiezeken Bakvisch, kun sia edzo, kiuj eble deziras peti de Patro informojn pri iu afero.

Kaj kontentigita per tiuj vortoj — infanoj estas ja rapide kontentigitaj — mi ree sidiĝis por aŭskulti la daŭrigon de la rakontoj de la Patrino.

Kiam, kelkajn minutojn poste, mia patro revenis, mia patrino enkondukis Wiezeken kaj ŝian edzon en la salonĉambron, por ke ili povu interparoli kun mia patro.

Tuj kiam ili estis sidiĝintaj, mia patrino volis eltiri min el la ĉambro, sed mi tiel forte kriegis, ke mi deziris resti tie, ke mia patrino ne kuraĝis kunkonduki min. Cetere Wiezeken jam diris al mia patrino :

— Uj, uj, Sinjorino, lasu la knabeton tie ĉi ; li ne ĝenas min, tute ne.

Do mia patrino foriris sola, lasante Wiezeken kaj ŝian edzon, mian patron kaj min en la ĉambro.

Wiezeken rigardis Jef kaj Jef rigardis Wiezeken ; neniu sciis, kiu komencos la interparoladon. Mia patro demande rigardis la gevizitantojn : ambaŭ puŝis sin per la kubutoj. Fine Wiezeken diris al mia patro :

— Sinjoro Louis , vi konas min de longe ; mi dum kelkaj jaroj estis via servistino. Poste mi edziniĝis kun Jef, mia nuna edzo.

Jef jesante klinis la kapon.

— Jes, Wiezeken, tion mi scias, diris mia patro.

— Nu, Sinjoro Louis, daŭrigis Wiezeken iomete certigita, ni venas por peti de vi informojn kaj konsilon, ĉar ni estas malriĉaj personoj, kiuj neniam havis la okazon multe iri al la lernejo.

— Bone, diris mia patro, se mi povas helpi vin, vi scias, ke mi tion faros plezure.

— Nu, Sinjoro Louis, diris Wiezeken, vi ne scias eble, ke mi devenas de nobela familio? Mia nomo estas Marie-Louise de Ligne.

— Efektive, diris mia patro, mi tion rememoras.

— Jes, Sinjoro Louis, mi ĉiam diris al mia edzo, ni ne restos ĉiam malriĉuloj; iun tagon pro mia nobela deveno ni fariĝos riĉeguloj. Mi sentas tion, mi estos certa pri tio. Kaj nun, Sinjoro Louis, mia espero realiĝis, miaj antaŭvidoj efektiviĝis kaj ni estas por ĉiam feliĉaj. Ni ricevis leterojn pri granda heredaĵo — ĉu ne, Jef?

Je ĉiu vorto de Wiezeken, Jef klinis la kapon por aprobi la dirojn de sia edzino.

— Se estas tiel, diris mia patro, mi gratulas vin, Wiezeken kaj Jef, mi gratulas vin el la fundo de mia koro.

— Dankon, Sinjoro Louis, dankon. Jef, montru al Sinjoro la paperojn, kiujn ni ricevis per la poŝto. Ni dezirus, Sinjoro Louis, ke vi bonvolu doni al ni klarigojn pri la enhavo; la sumo devas esti granda, ĉar la paperoj estas kovritaj per multaj ciferoj.

Ĵef kun granda zorgo eligis el la poŝo de sia surtuto grandan koverton, kaj donis ĝin. Mia patro malfermis la koverton kaj eltiris el ĝi diversajn grandajn paperfoliojn, sur kiuj estis presitaj nekalkuleblaj ciferoj. Tuj kiam li estis rigardinta tiujn paperojn, li, kun ridetanta mieno, diris al la vizitantoj:

— Wiezeken kaj Jef, mi bedaŭras, ke mi devas prezenti al vi miajn kondolencojn. Ne estas jam la heredaĵo; vi devos ankoraŭ iom atendi. La ĉi montritaj paperfolioj estas nur anoncoj de Hamburga Loterio.

Wiezeken preskaŭ ekploris kaj Jef ankaŭ montris malgajan mienon; petante senkulpigon pro la vizito, ili malĝoje foriris.

... Tridek-kvin jaroj forpasis de tiu momento kaj jen la poŝtisto ĵus alportis la korespondaĵon. Inter la leteroj granda koverto kun germana poŝtmarko. Kaj mia onklino, malfermante la leterkovrilon, iom ironie ekkrias:

— Bona Dio! La heredaĵo de Wiezeken Bakvisch!

OSCAR VAN SCHOOR.

## La Infanaĝo de Turenne

Iun vintran vesperon ĉiuj enloĝantoj de la kastelo de Sedan maltrankviliĝis. La plej juna filo de la duko de Bouillon, Henriko de Turenne, estis ŝtelirinta el sia ĉambro, kaj neniu povis klarigi, kie li estas.

Oni kuris por averti lian patron, kiu estis tiam en la urbo. « Mi vetas, » li diris, « ke la diableto estas sur la remparoj. »

Sin turnante al siaj oficiroj, li diris : « Sekvu min ! » Kaj ili tuj komencis ekzameni ĉiujn bivakojn.

La esploroj restis vanaj, ĝis kiam, subite, oni ekvidis ion en la ombro. Oni alproksimiĝis la torĉojn, kaj la duko rekonis la junan Henrikon, kiu dormis sur kanono kovrita de neĝo, tiel trankvile, kiel en sia lito.

Je tiu vido, li ektremis de ĝojo kaj fieregeco ; kaj, tiretante la infanon per la kruro : « Stariĝu ! » li kriis, « jen la malamikoj !» — « La malamikoj ! » ripetis la infano eksaltante, « bone ! ili alproksimiĝu, mi estas preta ! » kaj li alprenis militan sintenadon, levante ambaŭ pugnojn. « Militkaptita, vi estas militkaptita ! » diris la patro, lin ĉirkaŭpremante.

Poste, mallaŭtigante la voĉon : « Cu vi ne pensis, malfeliĉuleto, pri la maltrankvileco de via patrino dum via bela, malsaĝa entrepreno ?... He ! kio, vi, naŭjara infano, vi kuraĝas forlasi la kastelon dum tiel malbona vetero ! » — « Patro, » respondis Turenne, « mi nur volis min ekzerci je la lacecoj de la milito. »

La duko denove ĉirkaŭpremis la infanon : « Foriru, bela militkaptito, mi nur maltenos vin, kiam via patrino siavice vin enŝlosos. » — « Jes, sed ankaŭ en siaj brakoj, » respondis la infano, kisante la frunton de sia patro. *Tradukis* A. V.

## Diversaj Informoj

**Al la grupoj aŭ propagandistoj**, kiuj deziras fari propagandon por nia gazeto, ni sendos paketon de *50 malnovaj ekzempleroj* de « Belga Esperantisto » kontraŭ poŝtĉeko de *unu franko*.

Aĉeteblaj estas ankaŭ la malnovaj jarkolektoj de « Belga Esperantisto » je la jenaj kondiĉoj :

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1a | jarkolekto (1908-1909) . . . | Frs. | 5.50 |
| 2a | » (1909-1910) . . . | » | 5.— |
| 3a | » (1910-1911) . . . | » | 4.50 |
| 4a | » (1911-1912 ; nur 5 kolektoj restas) | » | 7.50 |
| 5a | » (1912-1913) . . . | » | 4.— |

Mendojn oni adresu al « Belga Esperantisto », Vondelstr., 20, Antwerpen.

**Deziras korespondi.** — S-ro Stanislav Olmer, Jaromirova. 11, *Praha*, Nusleudoli (Bohemujo-Aŭstrio).

# BIBLIOGRAFIO

**Tri rakontoj kaj kelkaj versaĵoj**, originale verkitaj en Esperanto, de RAFAEL DE SAN MILLAN ; eldonejo : Tip. Pasaje del Comercio, 8, Madrid (Hispanujo) ; 40 paĝoj, 16 1/2 × 11 cm. Prezo nemontrita.

Tre simple skribita, tiu libreto speciale taŭgas por komencantoj-esperantistoj. Kelkaj eraroj tamen ŝteliris el la plumo de la aŭtoro, kies atenton ni speciale vokas sur la kelkafojan uzon de infinitivo post prepozicio, ekz.: «la kontrabandisto *post kisi* (kisinte) sian edzinon foriris... », « *post* longe *marŝi* (longe marŝinte) mi serĉis kaŝejon. »

**En la Lando de la Blanka Monto,** originale france verkita de L. HUOT-SORDOT, Esperanta traduko de D-ro NOËL; eldonejo : Presa Esperantista Societo, rue Lacépède, 33, Paris ; 72 paĝoj, 10×14 cm. Prezo : Fr. 1.00 (0.400 Sm.).

Tre bonstila kaj agrable presita libro priskribanta, ne kun sekeco de gvidlibro, sed kun bonhumoro de sperta turisto, la belaĵojn de la regiono de la Blanka Monto. La bela aspekto de tiu eldonaĵo estas pliigita de multnombraj klaraj kaj belegaj fotografaĵoj.

**Das Esperanto ein Kulturfaktor,** libro 3a (1913) kunmetita de Prof-ro CHRISTALLER, Stuttgart ; publikigita de *Germana Esperanto-Ligo,* eldonita de ADER & BOREL, Dresden; 168 paĝoj, 22 × 14 cm. Prezo : M. 2.— (1 Sm.).

Estas la 3a numero de la serio eldonita de la *Germana Ligo* okaze de ĝiaj ĉiujaraj kongresoj. Tiu treege utila propagandilo, pri kiu ni povas gratuli kaj danki nian eminentan samideanon S-ion CHRISTALLER, kunigas aron da artikoloj kiuj montras Esperanton el la plej diversaj vidpunktoj. Ĝi enhavas i. a. grandan kolekton da opinioj de eminentaj personoj pri Esperanto, tre justan priskribon pri la devoj kaj rajtoj de la esperantistoj. Verkita en germana lingvo, tiu eldonaĵo estos certe produktinta belajn fruktojn por nia movado en Germanujo.

**The Passing of Babel,** or Esperanto and its place in modern life, verkita de BERNARD LONG; eldonita de *The British Esperanto Association* (Incorporated), High Holborn, 133-136, London W. C. ; 72 paĝoj, 18 1/2 × 12 1/2 cm. Prezo : 6 d. (0,250 Sm.).

Tiu bonege verkita libro en angla lingvo donas al la leganto kompletan bildon de la demando pri internacia lingvo. Ĝi estas ampleksigita eldono de la tradiciaj propagandaj broŝuretoj de 4 spesdekoj, kiuj jam ekzistas en multaj lingvoj. Tre detale la aŭtoro parolas pri : la neceseco de neŭtrala L. I., la deveno, la disvastiĝo, la praktikaj ecoj, la kongresoj de Esperanto ; li pruvas la profitojn de nia lingvo en la komerca, industria, scienca, turista, literatura, teatra fakoj, kaj montras ĝian taŭgecon por la infana edukado. La libro, tre valora por la propagando inter angleparolantoj, enhavas ankaŭ tre bonan resumon de la Esperanta gramatiko. Tia libro devus ekzisti en ĉiuj lingvoj.

**Deklaracio pri Homaranismo,** de D-ro L.L. ZAMENHOF, aŭtoro de la lingvo Esperanto. Eldonita de « Homaro », Pasaje del Comercio. 8, Madrid (Hispanujo). 16 paĝoj, 15 1/2 × 11 cm.

Tiu broŝureto enhavas la politika-religian kredon de D-ro ZAMENHOF. En la antaŭparolo, la aŭtoro denove kaj klare komprenigas, pro kiuj kaŭzoj li dum la 8a Kongreso de Esperanto publike formetis de si ĉian oficialan rolon en la Esperantaj aferoj.

La Centra Oficejo de « Homaro » sendas por 50 centimoj dek ekzemplerojn de la broŝuro (en Esperanta aŭ germana lingvo).

**Handelsbrievenboek Esperanto-Nederlandsch,** kunmetita de la Roterdama Esperantista Asocio « Merkurio »; eldonejo : W. ZWAGERS, N. Binnenweg 460-462, Rotterdam. 132 paĝoj, 19 × 13 1/2 cm. Prezo : fl. 0.90 (Sm. 0. 76.).

F. DELGARBO.